# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **25/05/2013 Cent dektria Eldono 25/05/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 244 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

Programlisto http://esperantaretradio.blogspot.co.at/ **Mi kaj la angla** **13 Majo 2013**




Post kiam, antaŭ preskaŭ dek tri jaroj, mi finis bazan kurson de Esperanto koresponde per interreto, mi senhezite decidis tuj alfronti memlerne defian progresigan lernolibron. Iom ambicie mi elektis tiun de William Auld — "Paŝoj al plena posedo". Tute ne temis pri komforta kaj senstreĉiga elekto, ĉar la devizo de tiu lernolibro estas: "Esperanton oni plej bone lernas per studado de bona Esperanto. Laŭeble evitu la nacian lingvon; komprenu en Esperanto, kaj vi pensos en Esperanto!". La plejmulto da ĝiaj 30 paŝoj vere estis elprovo kaj defio por miaj ne ĉiam fera volo kaj memdisciplino des pli, ke mi obstine pretendis fari ĉiujn ekzercojn.. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

## Vintra Lernejo en Junio



Saluton de la Sheidow Park Vintra Lernejo! Vidu sube rapidan mesaĝon pri propono por okazigi malferman vespermanĝon en Adelajdo vendredon la 7an de junio por ke ĉeestantoj povu kuniĝi, babiladi, kaj, espereble, aŭskulti interesan paroladon de eminenta gast-parolanto [ankoraŭ ne invitita :-)]. RETPAĜO por la vintra lernejo http://www.esperanto.com.au/
Gordon Coleman

# SYDNEY LANGUAGE FESTIVAL



Macquarie University, Macquarie Park,
konstruaĵo E7B kaj E5A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 10:30atm

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

http://sydneylanguagefestival.org.au/program/

Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/

| | E7B (T1) | E5A (110) | E5A (120) | E5A (130) | E5A (150) | E5A (160) | E5A (170) | E5A (180) |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10:30 am | **Introductory talks** | | | | | | | |
| 11:00 am | | Italian | Kalasha | Chinese | English | Ancient Greek | Esperanto | Croatian |
| 11:30 am | Russian | French | Hindi/Urdu | Japanese | German | Latin | Volapük, Interlingua, Klingon, IDO | Modern Greek |
| 12:00 pm | | Spanish | Portuguese | Korean | Hungarian | Old Norse | Fitusa | Polish |
| 12:30 pm | Concert Closing ceremony | | | | | | | |




Jen la karto por reklami la lingvan festivalon. Sendis Nicole

Saluton karaj,



Mi informas vin ke Trevor Steele alvenos vendredon la 31an de majo en Sidnejo. Li estos partoprenanto de SLF2013. Kaj mi proponas organizi lian prelegon en E-Domo vespere vendrede. Trevor estas preta paroli pri sia lasta libro "As Though Everything Depended On Me". Mi opinias ke la temo "A Hero Against Nazi Barbarism" interesos multajn homojn. Amike, Dmitrij



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos ne je la kutima tago ~~26/05~~ pro la lingva festivalo.

Trevor Steele alvenos vendredon la 31an de majo. "A Hero Against Nazi Barbarism", 6a horo vespere. Ankaŭ venu dimanĉon la 2an de Junio

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

## LETEROJ de la legantoj






Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

### UTILA ETA LIBRETO





Lastan sabaton kiel kutime, ni kune babiladis kaj trinkis kafon ĉe Manlio. Virino demandis "Ĉu mi sidu ĉi-tie?" Verŝajne ni aspektis amikemaj. Eunice Graham rakontis al ŝi mallongan historion de Esperanto. Hazarde, Roĝero havis pretajn ekzemplerojn de sia nova Esperanto-libreto "The Key to Bilingualism"kiun Eunice donis al la virino.

Dum ŝi trinkis kafon ŝi legis tiun kaj ŝi respondis: "Kiel interesa afero"

Ŝi intencas kontakti klubon kiam ŝi ree estos hejme post vojaĝo al Suda Afriko. Tre koran dankon al ĉiuj kiuj kompilis, helpis, kontrolis kaj presis tiun tre utilan etan libreton. Chris Holliss

(Roger, Chris, Eŭnice, Mei ĉeestis la Manlian Esperanto-Kunvenon la 18an de majo 2013)



## La Manlia Esperanto-Klubo ne

kunvenos la unuan de junio, ĉar ni iros al la SLF.

La lingva festivalo nun okazos en ĉambro E7B (T1) (la partoj kiuj estas en granda ĉambro).http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/?page_id=7 Amike, Nicole




sendis Nicole.



# 3ZZZ Retradio Melburno



De la 15a ĝis la 18a de majo la esperantistoj en Adelajdo , ĉu en la domo de Katja kaj Trevor Steele, ĉu en la domo de Sandor Horvath kaj Helen Palmer, ĉu en la biblioteko diligente laboris por ke sep noveloj el la novelaro de Len Newell, Baŝiŝ, estu disaŭdigitaj de la mezo de julio ĝis la mezo de oktobro en la Esperanto radioprogramo de 3ZZZ. Mi kore dankas ilin kaj esperas ke vi havos plezuron malkovri tiun verkon, se vi ne jam konas ĝin.
Mi volas ankaŭ atentigi vin ke ĝis la 10a de junio la radiostacio organizas eventon nomitan "membership drive". Se vi renovigas vian membrecon aŭ

membriĝas al la radio en tiu periodo, vi eble estos unu el la feliĉaj gajnantoj de numerala radioaparato.
Por tion fari, la plej facila metodo estas iri al retejo de la radiostacio: www.3zzz.com.au . La jara kotizo estas $15, aŭ por la maljunuloj $10. La jaro komenciĝas je la dato de via pago.
Nome de la teamo,
la kunvokanto ,
Franciska Toubale
kontaktadreso: 3zzzesperanto@gmail.com

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-05-22 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (22/05/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee kaj Sandor.
(Margaret daŭre havas komputilajn problemojn)

Jen la ĉefaj rezultoj:

*__Niaj aĵoj__ (Fort Knox)
Ni ne bezonis trakti ilin, ĉar ĉio estas farita

*** Budo en Reykjavik**
Heather mendis budon por AEA en Reykjavik. Espereble, ni havos kelkajn aĵojn tie por disdoni

**La ĉefa tagordpunkto**

***Venonta Kongreso – januaro 2014 en Kanbero**
Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de januaro en Kanbero. Sandor kaj Huigh mendis la kongresejon: **Ursula Hall** en Kanbero. (http://ursula.anu.edu.au).
Ni interkonsentis kun NZEA kaj "mendis" Bharat Ghimere el Nepalo kiel instruiston. Li konsentis. Li ĉeestos nian kaj poste la novzelandan kongreson.

Se vi volas, aŭskultu du intervjuojn kiujn Franciska faris ĉe la arkivejo de 3ZZZ. (www.melburno.org.au) la unuan je la 3a de decembro 2012 kaj la duan je la 31a de decembro 2012.
Ni tre ŝatus allogi junulojn,…. Do se vi havas specialajn ideojn….. informu nin… aŭ …eĉ pli bone komencu organizi.

*** Lingva Festivalo en Sidnejo**
Sandor partoprenos la lingvan festivalon la 1-an de junio en Sidnejo. Li prezentos la hungaran.

Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor

## Vortoj de "Lernu"

IRITI
1. Kaŭzi doloron, inflamon aŭ eksciton en organo:
Spicaj manĝaĵoj kutime iritas la stomakon.
Printempe min turmentas alergia irito de la nazo.
2. Forte eksciti, kolerigi:
Li iritis ŝin per sia malbona konduto.
Ĉiuj laboristoj estis koleraj sed plej iritita estis mi.

NEGLEKTI
Malzorgi, flankelasi, neatenti:
Pro granda okupiteco mi devis neglekti miajn amikojn.
Homoj koleras pro neglekto altigi la salajrojn.
Lian morton kaŭzis multjara neglektado de zorgo pri la sano.
Ŝi estas neglektema pri siaj edzinaj devoj.
Neniu malsano estas neglektinda.

LIVERI
1. Transdoni en ies posedon:
Ĉi tiu eldonejo liveras diversajn gazetojn por junuloj.
Liveranto estas homo, kiu havigas varojn laŭ interkonsentitaj kondiĉoj.
Por liveri tiom da varoj ni bezonos multe da livertempo.
2. Havigi, disponigi al iu:
Estis malvarme kaj brando liveris varmon al mia organismo.
Ili okupiĝas pri liverado de armiloj.
La liveraĵo venis tro malfrue - ŝi jam forestis.